


N-ro 31 31.12.1974 ŝesa jaro, n-ro 5

Afergvidanto de AREK: Ivar PAULSSON, Algatan 3, S-171 33 SOLNA (Svedujo), p.ĉ.k. 51 57 85-4; redaktoro de "Fenikso": d-ro Antonio DE SALVO, C.P. 4017, I-00100 ROMA APPIO (Italujo), p.ĉ.k. 1/50317.

Jara kotizo: 10 respondkuponoj aŭ egalvaloro (la redaktoro estas preta pagi la kotizon de tiuj, kiuj sendos al li sialandajn neuzitajn tutaĵojn /(aerogramojn, kartojn aŭ kovertojn kun oficiale presita poŝtmarko)/ en nomina la valoro de 10 leterafrankoj al eksterlando).

## KLARIGO DE PROKRASTO

Ĉi tiu numero, la lasta de 1974, aperas kun granda malfruo (praktike, fine de februaro 1975), ĉAR en la periodo novembro 1974/februaro 1975 mi vizitis postuniversitatan kurson en urbo je 200 km de mia hejmo, kaj do mi ne povis tajpi la jam delonge pretan manuskripton. Mi petas senkulpigon. Krome, ĉar mi devos elteni pezan ekzamenon fine de aprilo, ĝis tiam mi ne povos prizorgi "Fenikso"-n; mi tamen promesas, ke komence de majo mi aperigos duoblan numeron (32/33), jam por la kolekto de 1975. LA REDAKTORO

## Julian TUWIM, Esperantisto kaj poeto

Nia kolego Tomasz SOBIECH atentigis nin pri la fakto, ke la pola poeto Julian TUWIM, honore al kiu la pola poŝto eldonis (antaŭ kelkaj jaroj) poŝtmarkon en nominalo de 1,50 zl. (eldonkvanto 5 milionoj), estis Esperantisto. Pri la afero, cetere, aperis sufiĉe ampleksa artikolo de mag. Isaj DRATWER en la Esperanto-revuo "Bulgario" n. 10 de oktobro 1964, el kiu ni citas:

"Naskiĝinte en la jaro 1894 en Lodzo, TUWIM lernis en rusa gimnazio. La poeto tiel i.a. priskribis siajn lernejajn jarojn: ""Deziregante por ĉia prezo kaj ĉiel neglekti la devojn de lernanto de kvina klaso de la Lodza Knaba Gimnazio, mi kun la tuta denaska pasio okupiĝis pri tute flanka afero: pri lingvistaj studoj konsistantaj en kaptado el vojaĝverkoj de vortoj el "ekzotikaj" lingvoj. Sen iu ajn ordo aŭ sistemo mi plenigis kajerojn per miloj da esprimoj en centoj da lingvoj aziaj, afrikaj, oceaniaj... Tio alkondukis min al la penso pri lingvo internacia. Mi lernis Esperanton, kaj dank'al ĝi mi unuafoje kontaktiĝis kun Leopoldo STAFF / la plej eminenta pola poeto de la 20-a jarc./, ĉar ĝuste en tiu ĉi lingvista periodo mi komencis legi liajn versaĵojn kaj traduki ilin Esperanten.

Mi fariĝis iaspeca ambasadoro de la poeto en la urbo Lodzo kaj ĉirkaŭaĵoj kaj per Esperanto mi volis disfamigi Staff tra la tuta mondo (mi tradukis interalie kaj presigis en "Pola Esperantisto" liajn versaĵojn "En krepusko" kaj "Pluvo aŭtuna"). Antaŭ miaj okuloj aperis la mondo de tute aliaj spertoj, ĝojo kaj admiro""'.

La kreado de TUWIM disvolviĝis sub la signo de venko super la dekadencismaj influoj. Lian unuan periodon de poezia verkado (volumetoj "Insido kontraŭ Dio" 1918,

"Sokrato dancanta" 1920, "La sepa aŭtuno" 1922, "Versaĵoj") karakterizas motivoj de morto, malĝojo, malgajo...Tamen lia verkado ne estis abstrakta, de la vivo deŝirita poezio de modernistoj, sed pentris konkretajn, esprimoplenajn personecojn.

Pli matura fariĝis lia poezio en la volumetoj "Vortoj en sango" 1926, "Nigra-arbara parolo"1929, "Cigana Biblio" 1933, "Brulanta enhavo" 1936, kie klare reliefiĝis fadenoj ligantaj la poeton kun la klasika poezio kaj la popolaj fontoj.

TUWIM verkis multajn satirojn (i.a. volumeton "Rimkermeso" 1934), bonegajn infanverkojn, bibliofilajn eltrovaĵojn (i.a. "Pola drinkula vortaro", "Kvar jarcentoj de pola epigramo"), komediojn, kantetojn por satiraj teatroj, ktp. Ankaŭ li multon tradukis polen el la rusa literaturo kaj el aliaj literaturoj.

Dum la milito TUWIM; troviĝanta tiam en Sud-Ameriko, verkis grandan poemon "Polaj floroj", en kiu esprimiĝis lia sopiro al la fora suferanta patrujo. Fragmentoj de la poemo estis konspire vaste cirkuligitaj en Pollando dum la germana okupado.

TUWIM revenis en la landon en 1946. En sia lastaj versaĵoj li salutis la renaskiĝintan Polujon.

TUWIM tradukis Esperanten, krom versaĵoj de Staff, kelkajn de Juliusz SLOWACKI (granda poeto de la pola romantikismo, 1809-1849), kaj versaĵojn de pola poeto Kazimiro PREZERMA-TETMAJER (1865-1940), ankaŭ versaĵojn de la franca poeto Arturo RIMBAUD (1854-1891), kiun li tre ŝatis.

TUWIM ĉiam montris sian simpation al Esperanto. Tion li ankaŭ substrekis dum radioparolado, en kiu li diris: "Al la lingvo internacia Esperanto mi havas profundan simpation kaj veran admiron".

TUWIM mortis en Zakopane 27.12.1953".

Poeziaĵoj de TUWIM ekzistas libroforme en Esperanto.

## FRANCAJ APOGINTOJ DE ESPERANTO SUR P.M.

La antaŭe aperintajn listojn en "Fenikso" oni povas kompletigi per la sekvantaj nomoj. Informfonto: leteroj senditaj de la koncernaj eminentuloj, en 1910, al Ernest ARCHDEACON, fame konata esperantisto kaj pioniro de aviado kaj de aŭtomobilismo. La numeroj de la p.m. cititaj inter krampoj estas laŭ la katalogo Yvert & Tellier:

- Maurice BARRES (1070)
- Paul DOUMER - jam citita -
- kto DRIANT - jam citita -
- Gustave EIFFEL - nur monumento sur pm 429
- Charles RICHET - pm en Monako n. 394/396 kaj Svedio 813.

Jean AMOUROUX, Perpignan, Francujo

## ANKORAŬ PRI LA STAMPO BERN 1913

(vidu mian artikolon en "Fenikso" n. 24).

Pli kaj pli evidentiĝas, ke ekzistas du tipoj de la koncerna stampo.

Mi povis kontroli kelkajn ekzemplerojn, kaj mi trovis kaj la unuan kaj la duan tipon.

Plej karakterizaj estas miaj du ekzempleroj kun dato 27.VIII.13: unu apartenas al la unua tipo kaj la alia al la dua.

Ĉar je sama tagdato oni trovas du malsamajn stampaĵojn, oni povas logike konkludi, ke du iom malsamaj stampiloj estis uzitaj.

Jean AMOUROUX, Perpignan, Francujo

## PRI LA STAMPO MARILIA 1973

Verdkoloran stampon de MARILIA mi havas sur koverto sen poŝtmarko. Ĝi eble estas poŝta pro la literoj ECT - SP en la stampo, kio signifas "Empresa Brasileira de Correios e Telegrafos". SP estas Saõ Paulo, la ŝtato, en kiu Marilia troviĝas. Tamen la stampon ne havas daton de uzo, kaj nur montras la daŭron de la Seminario de 19-22 julio 1973. Do, ĝi eble estas apudstampo poŝta, sed ne nuliga poŝtstampo.

Werner SIMON, Memphis - USA

## ANONCETO

Por filatela ekspozicio mi sufiĉe urĝe bezonas Esperanto-tutaĵojn, t.e. oficialajn poŝtajn kartojn kaj kovertojn kun alpresitaj markoj kaj teksto ankaŭ en Esperanto, krom la 3 polaj kaj la lasta hungara.

Detale priskribu la ofertojn kaj dezirojn. Vi bonvolu nenion sendi antaŭ interkonsento. Jean AMOUROUX, 1 rue de Sorède, "Moulin-à-Vent", F-66000 PERPIGNAN, Francujo.

Ankaŭ la redaktoro (D-ro Antonio DE SALVO, C.P. 4017, I-00100 ROMA APPIO, Italujo) bezonas la samajn aĵojn.

## NEKROLOGOJ

La 12-an de oktobro 1974 mortis nia kolego J.F. MAZÁNEK el Ostrava-Mar.Hory (Ĉeĥoslovakujo), aktiva kolektanto kaj membro de AREK.

Fine de decembro 1974 ankaŭ mortis, en Leuven (Belgujo), s-ino Anna MEURIRENS, kiu, kvankam ne apartenis al AREK, plurfoje helpis la redaktoron per informoj kaj materialo.

# FRANZ JONAS, PREZIDENTO, ESPERANTISTO KAJ FILATELISTO

Pri la ligoj kun la Esperanto-movado de la forpasinta aŭstra Prezidento ni ĉiuj bone scias (vidu, i.a., "Fekikso"-n 28/29). Kun aparta emocio, do, mi ricevis de nia kolego Anton STRAIF ekzemplerojn de poŝtmarko en nominalo de 2 ŝilingoj, eldonita la 28-an de junio 1974, de la aŭstra poŝto, honore al la mortinto. La pm prezentas portreton de la Prezidento. La koncernaj unuatagaj kovertoj ricevis specialan memorstampon, kun responda portreto kaj kun la germanlingva skribaĵo: "FRANZ JONAS/ EIN PRÄSIDENT DES GANZEN VOLKES/1899/1974/1150 WIEN 28. JUNI 1974 / AUSSTELLUNG DES 1.Ö.A.B.S.V. IN WIEN" (traduko: Franz Jonas, Prezidento de la tuta popolo - Ekspozicio de la 1-a aŭstra laborista poŝtmarka kolektantunuiĝo en Vieno".

La oficiala komunikaĵo, per kiu la aŭstra poŝto anoncis la aperon de la menciita poŝtmarko, finiĝas per ĉi tiuj vortoj: "Li havis apartan intereson por numismatiko kaj filatelo".

Oni povas aldoni, ke Franz Jonas ne limiĝis kolekti poŝtmarkojn, sed kelkfoje li eĉ mem desegnis kelkajn el ili: fakte, la serio de 3 pm, eldonita en 1968 por memorigi la 50-jaran datrevenon de la aŭstra Respubliko, estis desegnita ĝuste de li, kiel oni povas facile kontroli rigardante la subskribon en la suba parto de la pm. Okazis, ja, ke la Prezidento, ne kontenta pri la proponitaj skizoj, ekprenis paperon kaj krajonon kaj mem desegnis la pm. Pri la kurioza afero aperis artikolo (sub la titolo "Desegnanta Prezidento") en la populara filatela revuo "IL COLLEZIONISTA", eldonita en Italujo. A. DE SALVO

# POR KOLEKTANTOJ DE GLUMARKOJ

Pro longa (preskaŭ dumonata)-striko de poŝtistoj en Francujo, mi respondis kun granda prokrasto al la diversaj korespondaĵoj: mi petas pardonon pro tio.

Mi preparis liston de la glumarkoj aperintaj en la jaroj 1972 kaj 1973; mi sendos ĝin al la kolektantoj, laŭ deziro. Mi ankaŭ preparis folion por indiki la kvanton de glumarkoj en ĉiu folio: mi opinias, ke tiuj indikoj estas tre interesaj por la kolektantoj de folioj. Ekzemple, mi konstatis, ke sur la sama folio estas:

- 1 kvaropo 74 Aa kaj 1 kvaropo 75 Ag,
- 1 kvaropo 75 Ah kaj 1 kvaropo 152 Ag,
- 1 kvaropo 74 Bd kaj 1 kvaropo 4 piramidoj;
- 1 kvaropo 152 Aa kaj 1 kvaropo 4 piramidoj,
- n. 211, 217, 212, 218 kaj 210;
- n. 468: folio 3x2 kaj 2x4,
- n. 47: folio 2x4,
- n. 30: nekompleta folio: 3x6 kaj 5x5: do, la folio estas minimume 5x6,
- n. 59: 4x9 ktp.

Mi trovis ankaŭ novajn glumarkojn:

- A 157: Foiro de Malmöe (Svedujo). 6-12 / 08. (V) 108x139. Blua kaj verda sur flaveta.
- 484 d: blua surpreso; b: nigra surpreso.
- A 570: b: kun nigra surpreso: SPECIMENO.
- A 749: Semajno de Internacia Amikeco: 22-28 /02. trĉ. (V) 32x50. Stelo, du manoj; ruĝa, verda, nigra.
- A 764: Congrès régional Languedoc-Roussillon. NIMES (Francujo). 28 / 04. (H) 136x36. Tutaĵo. Monumentoj el Nîmes, stelo, a-verda, nigra sur blanka papero, b- sur flava papero.

768: verda a: sur flava fono, b; sur blanka fono.

Mi havas ankaŭ aliajn malkovraĵojn.

Mi petas, ke vi bonvolu informi min pri ĉiu nova eldono de Esperanto-glumarko el via lando, precipe pri la naciaj aŭ lokaj kongresoj, kunvenoj, renkontiĝoj aŭ aliaj eventoj: mi povas, tiel, prepari liston por la katalogo.

Gaston TREMON, 31 rue Turgot, F-87350 PANAZOL (Francujo)

## DENOVE KUFSTEIN 1947

En Fenikso 24 mi skribis pri uzo de la Kufstein-stampo je la 29.8.1947. Komparo de tiu ĉi stampo kun la pli poste uzita stampo de oktobro montras, ke la aŭgusta dato estas iomete pli granda. Ĝi mezuras proks. 17 mm, dum la oktobra dato nur mezuras 15 mm. La literoj kaj ciferoj estas 2 -1/2 mm altaj, dum en la oktobra stampo ili mezuras nur 2 mm. Ankaŭ la spaco inter la dato kaj monato estas pli malgranda en aŭgusto. Do, ĝi estas variaĵo konsiderinda. Mia oktobra stampo estas sur poŝtkarto, kiu surhavas la tekston "Aŭstria E-Kongreso" (Kufstein 29.-31.8.1947), kiu estis la unue planita dato.

Werner SIMON, Memphis, USA

## NOVA ADRESO

Nia kolego Christian BECHTOLDT translokiĝis: bonvolu noti lian novan adreson:

Fichtenweg 14
D-643 BAD HERSFELD (Feder.Resp.Germanujo).

Tiel, nun en Bad Hersfeld vivas 2 AREK-anoj (Bechtoldt kaj Hirsch).

# PLUAJ SUKCESOJ DE E-FILATELISTOJ EN ĈSR

Okaze de la "Internacia ekspozicio de poŝtmarkoj OPAVA 74", kiu havis lokon de la 24-a de aŭgusto ĝis la 8-a de septembro 1974 en la urbo Opava (Ĉeĥoslovakujo), okazis la 5-a renkontiĝo de la Esperanto-sekcio enkadre de la Federacio de ĉeĥoslovakaj filatelistoj.

Krom kunveno de la estraro de la Sekcio (kiu, i.a., decidis aperigi katalogon de E-poŝtmarkoj), kaj diversaj distraj aranĝoj, ĉefa evento estis la prezentado de E-kolektoj kaj solena proklamo de premiitoj.

La E-kolektoj estis en aparta saloneto. Al la ekspozicio aliĝis 6 kolektoj, sed estis ekspoziciitaj nur 5. Ĝis nun neniam en la mondo oni povis vidi tiom multe da Esperanto-kolektoj kune en unu ekspozicio.

La kolektoj gajnis jenajn premiojn:

-"Historio kaj nuntempo de Esperanto" de Dolfa BARTOŜIK: malgranda orumita medalo kaj honorpremio de la ekspozicia ĵurio;

- "Esperanro - internacia lingvo" de Rudolf BURMEISTER (DDR): granda arĝenta medalo kaj honorpremio de la ekspozicia ĵurio;

- "Esperanto en filatelio" de Vlàda HASALA : granda arĝenta medalo kaj honorpremio de la ekspozicia ĵurio;

- Esperanto en praktiko" de Vlàda VAÑA: malgranda arĝenta medalo (temas pri kolekto aparte interesa, konsistanta sole el tutaĵoj);

- "Esperanto - internacia lingvo" de Alois JAKUBEC: granda arĝentumita medalo.

En la ekspozicia katalogo oni publikigis du artikolojn pri la temo Esperanto: "Esperanto en ĉeĥoslovaka filatelio" eĉ kun bildoj, kaj alia pri la ĝisnuna agado

de la Esperanto-sekcio. En la katalogo estis ankaŭ publikigita detala programo de la 5-a jubilea renkontiĝo de la E-sekcio.

Kiel ni jam anoncis, okaze de la renkontiĝo oni uzis specialan E-poŝtstampon.

Estas menciinde, ke sur la diplomo, kiun oni donis al la sukcesintaj ekspoziciantoj, estis uzata ankaŭ Esperanto, apud la ĉeĥa, la rusa, la germana kaj la pola.

VLÁDA HASALA

POR KOLEKTANTOJ DE INSIGNOJ

La 8-an de septembro 1974 okazis en Opava (ĈSR) la unua renkontiĝo de la Klubo de kolektantoj de Esperanto-insignoj.

Oni diskutis, i.a., pri: laborplano por venontaj jaroj, eldono de katalogo de porokazaj E-insignoj, kiuj aperis okaze de kongresoj de UEA, SAT kaj IFEF.

Vláda HASALA

DU GLUMARKOJ

venis en miajn manojn, kaj mi iom supraĵe (ne estante fakulo) priskribas ilin:

- glm por la 27-a Fervojista Esperanto-Kongreso (IFEF), VILLACH (Aŭstrio) 10-16 majo 1975: panoramo de la urbo, skribaĵo "27-a FERVOJISTA/ESPERANTO/ KONGRESO/10-16 MAJO - VILLACH -(AŬSTRIO)", emblemo de IFEF kun aldonita siglo FISAIC (temas pri la kultura kaj distra organizo de la fervojistoj). Koloroj: roza- en unu ekzemplero, blua en la alia;

- glm por la 53-a Germana E-kongreso: skribaĵo "53 a GERMANA ESPERANTO KONGRESO /kvinpin

ta stelo/ OBERKIRCH PENTEKOSTON 1975/kvinpinta stelo/ ESPERANTO/TURISMO"; la bildo montras kastelon sur deklivo, viberon, leonon, arbojn kaj grandan kvinpintan stelon. Koloroj: nigra kaj verda sur blanka fono.

A. DE SALVO

## NOVAJ MEMBROJ

Estis akceptitaj la sekvaj novaj membroj:

62. Germano GIMELLI, via D.Creti 61, I-40128 BOLOGNA, Italujo; kol. pm, sta;
63. Stanisław CZESNOWICZ, skr.poczt. 13, PL-81969 GDYNIA 2, Pollando; kol.: pm, sta;
64. Anatolo F.KOBA; p.k.18, SU-324099 KRIVOJ ROG 99, Glavpoĉta (Sovetunio); kol.: glm.

## NOVA PRIZORGANTO DE STAMPO-BANKO

Oni komisiis al Vlàda HASALA (kiu nun havas novan adreson: CS- 696 62 Stràžnice, Ĉeĥoslov.) la taskon prizorgi la stampo-bankon.

## KASRAPORTO 1974

Enspezoj:

| | |
|---|---|
| - el la jaro 1973.................................. | 88 rkp |
| - pagis por 1974 (kelkaj ne komplete) 41 membroj | 390 rkp |
| - enspezo Stampo-Banko....................... | 50 rkp |
| sume | 528 rkp |

Elspezoj:

| | |
|---|---|
| - adrsaro + afranko por la afergvidanto....... | 100 rkp |
| - por la glumarka banko (por komenci la laboron) | 40 rkp |
| - "Fenikso", preso kaj elsendado.............. | 300 rkp |
| sume | 440 rkp |

Restas 88 rkp (tamen, oni devos dekalkuli la koston de presado kaj ekspedo de "Fenikso" 31).

STAMPOJ DE 1974 (daŭrigo)

- Mi fine vidis ekzempleron de GYULA 1974 (v.Fenikso-n 30). Temas pri stampo en formo de ŝildo, en Esperanto kaj en la hungara; la skribaĵo diras: "SOMERA ESPERANTO UNIVERSITATO/NYA'RI ESZPERANTO EGYETEM/HUNGARIO - 1974. La bildo montras emblemon (verŝajne de la urbo) kun la komencliteroj SEU, kaj kvinpintan stelon.

-La 22-an de septembro (anstataŭ, kiel kutime, en junio) estis uzita E-stampo en POZNAŃ, Pollando, okaze de la internacia Foiro. La bildo montras, interne de granda litero T (komenclitero de Targi, Foiro), la renesancan urbodomon; la skribaĵo, en Esperanto kaj en la pola, diras: "MIĘDZYNARODOWE/TARGI POZNANSKIE/ INTERNACIA FOIRO EN POZNAŃ/ POZNAŃ 2/TAKON-74".

- En KOKURA, Japanujo (precize, en la insulo Kiuŝiu), la 3-an de novembro 1974 estis uzita brunkolora stampo, tute en la japana, kies traduko signifas, laŭvorte: "LA 61-AN JAPANAN ESPERANTO-KONGRESON MEMORANTE/ KOKURA". La bildo montras kvinpintan stelon, japanan kastelon kaj insulon Kiuŝiu; la stelo indikas la lokon, kie Kokura situas.

Antonio DE SALVO, Roma, Italujo

KLARIGO

Kelkaj AREKanoj loĝantaj en socialismaj landoj plendis ĉe la amiko BIESIADA (kiu afable prizorgas la ekspedon de FENIKSO al soc.landoj), pro tio, ke mi, pro miaj multaj okupoj, ĝenerale respondas post longa intervalo. Mi devas klarigi, pri tio, ankaŭ por eviti ĝenojn al la amiko BIESIADA, ke nur mi respondecas pri tiuj malfruoj, dum li ne havas la eblecon urĝigi miajn personajn aferojn! Antonio DE SALVO